## B O N D E Z I R O J

Okaze de la venontaj Festoj, la estraro de ITALA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO (I.F.E.A) kaj la redakcio de "ITALA FERVOJISTO", varme bondeziras feliĉajn Kristnaskon kaj prosperan Novjaron al ĉiuj Membroj kaj Simpatiantoj de nia Asocio; korajn bondezirojn ankaŭ al la Estraro de la INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (I.F.E.F.) kaj al la tuta Anaro kaj Legantaro en ĉiuj Landoj.

---

## COMUNICATO DEL CASSIERE

Anche per il 1980 le quote sociali sono così confermate:
- associazione all'IFEA, IFEF, FEI ed UEA con abbonamento alla rivista "L'ESPERANTO-FEI": 8.000 lire annue (6.500 per i giovani fino a 21 anni e per i familiari);
- associazione solo all'IFEA ed IFEF (per quei Soci che pagano le quote alla FEI ed UEA direttamente o tramite i Gruppi E.sti locali: lire 3.000 annue.

Si pregano vivamente i Soci che ancora non hanno pagato le quote per il 1979 e continuano a ricevere i Bollettini, di trasmettere al più presto dette quote, da noi già versate alle Associazioni a cui siamo aderenti, oppure di inviare avviso di disdetta, per poterci regolare e non pagare per l'anno 1980.
FERROVIERI ADERITE ALL'IFEA VERSATE SUBITO LE QUOTE 1980! SOSTENETE L'ESPERANTO E LE SUE ASSOCIAZIONI!
Per agevolare i versamenti si allega un bollettino di C/C/P/ intestato: IFEA, via Donato Creti, 61 I--40128 BOLOGNA, N° 19336403.

---

## 21-a I.F.E.S. EN PLAN VAL GARDENA

Ankoraŭfoje ni rememoras al vi be




legan okazontaĵon: t.e. la 21-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno (I.F.E.S.), de la 26-a de januaro ĝis la 2-a de februaro 1980-a, en Plan Val Gardena (Bolzano), ĉe "Casa Alpina del D.L.F. di Bologna", al kiu jam aliĝis pli ol 110 glitontaj gesamideanoj. Ĝis revido kaj bonan amuziĝon.

---

## MANIFESTACIO "FERBO 79"

La Fervojistoj de Bolonjo, pere de "Dopolavoro Ferroviario" (DLF) (Itala FISAIC-Sekcio), entreprenis gravan kulturan penadon, nome la eldonadon de du voluma libro: "I ferrovieri sulle strade ferrate dell'Emilia-Romagna" (La fervojistoj sur la fervoj-linioj de Emilia-Romagna), kun antaŭparolo de la Ĝenerala Direktoro de F.S., d-ro Ercole Semenza.
La manifestacio entenis, krom la prezentado de la libro, plurajn elementojn: nacian elmontradon de infan-desegnaĵoj (oportune dedicita al la Internacia Jaro de la Infanoj), de hobioj kaj kolektado, de filatelio, fotografio, fervojaj modeloj, kaj fine vidan kaj dokumentitan ekspozicion pri Esperanto.
En la kadro de tiu granda kultura evento, la Bolonja esperantistaro grave rolis. La jam cititaj elmontroj inaŭguritaj la 24-an de okto

bro de la fervoja Departementestro inĝ. Ricciardi, daùris ĝis la 4-a de novembro, kun multnombraj vizitantoj, precipe grupoj da geknaboj de la Bolonjaj lernejoj akompanataj de la instruistoj.
Sed la plej trafa Esperanto-manifestacio okazis la 4-an de novembro en la Kinejo "Settebello", kie estis konferenco-debato de d-ro Menabene el Romo pri la temo: "Il problema linguistico internazionale nel mondo del lavoro" (La lingva problemo en la internacia laborista medio).
Enkondukis la manifestacion s-roj Ceci, Prezidanto, kaj Turrini, Kultura Konsilanto, kiuj en la nomo de "Dopolavoro Ferroviario", kiu gastigis nin, dankis kaj bonvenigis la ĉeestantojn kaj premiis niajn aktivulojn per arta ŝildo aparte eldonita memore de "Ferbo 79". Ĉeestis prof. Dazzini, Prezidanto de Itala Esperanto Federacio, kiu mallonge salutis la partoprenantojn kaj dankis kaj gratulis la organizantojn.
Ankaù tri eksterlandaj samideanoj, kiuj ĉeestis, salutis la ĉeestantaron. Kolego Karl Pscheidt el Germanio, inter alie, invitis al la postvenonta IFEF-Kongreso, kiu ĝuste okazos en sia urbo Regensburg, la jama romia "Ratisbona", dum la jaro 1981-a. Du pollandaj samideaninoj portis la saluton de la lando de nia Majstro, kaj de sia urbo Krakòw, ĝemeligita kun Bolonjo.
Post la debato la konata Esperanto-kantaùtoro Gianfranco Molle el Romo kun alia kantistino, Marcella, prezentis tre interesan programon de Esperanto-kanzonoj.
Dum paùzo oni disdonis la diplomojn al la pasintjaraj kursanoj kaj anoncis la tujan komencon de pluraj Esperanto-kursoj en Bolonjo, ĉe DLF kaj aliloke. Plie oni disdonis pli ol 100 atestojn de partopreno en la Esperanto-kursoj starigitaj ĉe la elementaj kaj mezgradaj lernejoj de la urbo.
Post la komuna tagmanĝo en la restoracio de DLF kune kun la multegaj geesperantistoj kiuj venis el aliaj urboj, ni vizitis la ekspoziciojn (ĉefe la esperantan) kiuj ĝuste fermiĝis vespere.
En la sidejo de DLF, s-ro Turrini dankis la gepartoprenantojn kaj regalis, flanke de DLF, trinkaĵojn kaj kukojn. Nia estrarano Tarlindano el Venecio dankis en la nomo de la eksterurbaj esperantistoj.
Ni anoncas ke la Esperanto-kursoj, organizitaj ĉe DLF en la Sidejo de la "Sottosezione Centro", via de' Poeti n-ro 5/2, okazas ĉiun mardon vespere de la 20,30 ĝis 22 horo, kaj ĵaùdon posttagmeze de la 15 ĝis la 16,30 horo.

## 32-a IFEF-KONGRESO EN NEDERLANDO




Adreso LKK: 32-a IFEF-Kongreso - W.L. van Leeuwen - Jiulianaplein 2 - 1097 DN Amsterdam.
Poŝtĉekkonto 4182 633 je la nomo de: 32-a IFEF-Kongreso - Jiulianaplein 2 - 1097 DN Amsterdam.
Adreso de la bangalaro: Recreatic - Centrum "Het Meerdal", 5966 PL America (Gen. Horst), NEDERLANDO.
La LKK petas anonci sin antaù la 15-an de decembro 1979, por mendi nur bezonatajn nombrojn da bangaloj.

Post la pago de la kotizo kaj parto de la restadkostoj vi ricevos la kongreskarton, sur kiu estas menciitaj ne nur viaj kongresnumero, nomo kaj lando, sed ankaŭ la numero de via bangalo. Alveninte ĉe la enirejo de la bangalaro vi ne mem bezonas porti vian kofron al la bangalo. Por plifaciligi la transporton vi nepre devas klare skribi la numeron de la bangalo, do ne vian kongresnumeron sur la kofro.
En la Honora Komitato de la Kongreso estas ĝis nun: Ir. D.S. TUYNMAN, Ministro de Trafiko kaj Akvostato; Drs. L.F. PLOEGER, Prezidant-Direktoro de la Nederlandaj Fervojoj; S-ro A.L.G. STEEGHS, Urbestro de la Komunumo Horst; S-ro F.A.H. CARIS, Prezidinto kaj nun Honora Prezidanto de B.S.S.O. (Nederlanda FISAIC-Sekcio).
La temo de la prelego, kiun faros d-ino Marjorie BOULTON estas: "Kiel ni altigu la nivelon de nia lingvoscio".

APERIS GLUMARKO PRI LA I.F.E.S.




Okaze de la 21-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno (IFES) en Plan Val Gardena (de la 26-a de januaro ĝis la 2-a de februaro 1980-a) oni eldonis dukoloran grandformatan glumarkon, kun la emblemo de I.F.E.S.. Ĝi estas havebla ĉe: Germano Gimelli - via D. Creti, 61 - I-40128 - BOLOGNA. La kvarglumarka folio kostas 250 itajn lirojn plus sendokosto. Pagoj per poŝtĉekkonto Nº 19336403, titolita al IFEA, supra adreso.

PETO DE ESPERANTAJ PERIODAĴOJ

Por prilaborata "Bibliografio pri enhavo de esperantaj periodaĵoj 1889-1979" ĉiuspecajn malnovajn Esperanto-gazetojn serĉas: Edward Wojtakowski, P.O. kesto 312, PL 50-950 WROCLAW 2, Pollando. Rekompenco per poŝtmarkoj, Esperanto-libroj, ktp.. Dankon.

NI LEGIS SUR "TEMPO LIBERO ..."

Sur "TEMPO LIBERO - Sotto le Due Torri" (LIBERA TEMPO - Sub la Du Turoj), monata organo de "Dopolavoro Ferroviario" (D.L.F.) (Itala FISAIC-Sekcio) de Bolonjo, aperis diversajn legaĵojn pri Esperanto. Post aliaj informoj sur aliaj numeroj, sur la n-roj 8-a kaj 9-a de tiu ĉi jaro, en la 1-aj paĝoj, oni presis pri esperanta agado en la kadro de "Ferbo 79".
La 1-a skribaĵo anoncis la okazontaĵojn kaj invitis ĉiujn kolegojn, familianojn kaj simpatiantojn viziti la apartajn eksposicion kaj esperantan manifestacion. La 2-a temis pri la resumo de la malferma tago kaj de la plensukcesa plenumo de la grava manifestacio.
La dirita ĵurnalo estas sendata al miloj kaj miloj da fervojistoj aŭ pensiuloj kaj al multaj samaj postlaboristaj societoj kaj, precipe, al la superaj fervojaj Instancoj.

Dum ekskurso de venonta IFEF-Kongreso okazos vizito al muelejo, en kiu ĝis hodiaŭa tago oni faras farunon el greno.

DE GRENO ĜIS PANO

Dum tempoj prahistoriaj regis la kutimo enbuŝigi grenerojn kaj maĉi ilin per la molaroj. Ĉefa nutraĵo por la homaro la greno fariĝis nur kiam estis eltrovitaj la mueladon, la eblon kaĉigi ĝin kaj baki el ĝi kukojn. Poste, kiam oni ekkonis la fermentadon - en la komenco pere de acidiĝinta pasto kaj tiam per la rimedoj kiujn plu ni konas - estiĝis la panbakado. La historio de la homa vivado, ĉar la kresko de la primitiva metodo en la nebula pratempo al la perfektigita maŝinaro ĉi epoka, estas la frukto de evoluo kiun trapasis la homaro.
La aplikado de ventmueliloj por farunigi grenon kontribuis al la pli vastaskala bakado de la ĉiutaga pano. Esplorante pri la origino de la ventmuelilo, oni devas konkludi ke tiu perdiĝis en la mallumo de forfora pasinteco. La tempo de estiĝo ne estas indikebla eĉ nur proksimume.
Oni supozas, ke en la Oriento ili estis jam longe konataj antaŭ ol ili troviĝis en eŭropaj landoj, kaj laŭdire la krucistoj transigis la ideon al la Okcidento.
Ke la ventmuelilo ne estas nederlanda invento estas nepre kredebla, ĉar kvankam nia malalta, ebena tero estis ege konvena por evoluigi ventmuelilon, jam multe pli frue ol ĉi tie oni trovis ilin menciitaj aliloke. Supozeble nur en la 12-a jarcento ili trovis la vojon al "la basaj landoj ĉe l'maro". La muelila ekzisto ĉe ni tiomgrade kontribuis al la prospero de la loĝantaro, ke en iuj regionoj de la lando oni senhezite povus paroli pri muelila epoko. La amplekso kiun, dank' al la mueliloj, starigis la industrio, estis kvazaŭ preparita kaj ebligita pro tio, ke oni estis lerninta utiligi al si la forton de la vento por teni nian malaltan landon superakva. Tamen, ankaŭ la akvomueliloj ne estis plej aĝaj. La uzado de la ventoforto por la muelado de greno estas konsiderebla la plej frua branĉo de la muelila aktivado. Poste la muelilo estis uzata ankaŭ por segi lignon, farado de oleo kaj papero. Cetere ekzistis mueliloj por senŝeligado de grenoj, por farado de farbo, flartabako, mustardo, kakao kaj kreta pulvoro.

---

Dum la sama ekskurso okazos ankaŭ vizito al "Nacia Kariljona Muzeo" en Asten N.B.. Legu pri tio I.F. n-ron 6-an 1979-a.



---

ĈU VI ESTAS BONHUMORA?

Plenumeco - Onklino donacas grandan pomon al kvarjaraĝa nevino, kiu vizitis ŝin kun la patrino. "Do, kion oni devas diri?" - sugestas tiu lasta. "Senŝeligu ĝin" - respondas sekura la knabino.
Patrina lingvo - "Peĉjo" - demandas la instruisto - "Kion signifas la frazo: Patrina lingvo?". "Simpla afero" - li respondas - "Ĝi estas tia, kiu silentigas la patron"..

**I. F. E. A.**



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (I. F. E. F.):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (U. E. A.) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (F. E. I.) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna ((Italujo)




# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N, 61 - Tel. 359.071

STAMPE